# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 17/01/2019 Kvarcentnaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 775,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **356,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **308,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **111,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

### N.ro 51 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








PAG krome esprimas, ke ekzistas propozicioj, kiuj havas plurajn samspecajn frazelementojn. Tiam oni parolas pri pluroblaj frazelementoj kaj tiajn propoziciojn oni nomas “kuntiritaj frazoj”, ĉar, laŭ pure teoria vidpunkto, ili povas dissolvati en tiom da apartaj, memstaraj propozicioj, kiom da samspecaj frazelementoj ili entenas: “Liaj vangoj kaj okuloj ardis (du Subjektoj)”; “La arbaro zumis, susuris, flustris” (tri predikatoj). La samspecaj frazelementoj estas AŬ ligitaj per konjunkcio AŬ disigitaj per komo.

Tiaj kunmetitaj frazoj , post la dissolvo, iĝas memstaraj propozicioj; t.e. unu el ili ne anstataŭas frazelementon de la alia, sed ĉiu el ili ricevas siajn proprajn frazelementojn, sufiĉajn por memstara senco; ekzemple, la unua supra frazo dissolviĝas jene: “Liaj vangoj ardis kaj liaj okuloj ardis.” Tio klarigas kial en tiuj kuntiritaj frazoj povas troviĝi du negacioj ne detruantaj unu la alian, kaj kial oni ne povas uzi “sia” antaŭ unu parto de tia komplekso por resendi al la alia parto: “Aŭ ŝi, aŭ ŝia servistino estas kulpa”, kaj “Petro kaj lia edzino tre amas miajn gefilojn” ($$ 218 kaj 160).



(Sed "Petro kun SIA edzino", ĉar prepozicio funkcias kiel verbo por Refleksivoj, kaj ĉar "kun sia edzino" estas Suplemento ĉe Petro, NE dua Subjekto). *Marcel Leereveld*





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 20a de januaro estos la tria sabato. Venu.



Dum somero Manlio brilas. Vizitantoj bonvenataj. *Roger Springer*



# Somerkursaro de AEA

La ĉi-jara Somerkursaro de AEA okazas en Adelajdo. Ĝis nun partoprenis ĝin 43 homoj, La instruado okazas en 3 niveloj. La komencantojn instruas Franciska Toubale, la progresintojn Szabolcs Szilva kaj la fluparolantojn Trevor Steele. La bunta programo enhavas prelegojn, koncerton de la nova aŭstralia muzik-duo de Joanne kaj Petro, gvidatan viziton de galerio, teatrumadon, adelajdan vesperon kaj multon pli.



Trevor Steele Szabolcs Szilva Franciska Toubale



Dum la paŭzo Kam Lee kaj Helen Palmer



Instruisto Szabolcs Szilva kun siaj klasanoj de la meza nivelo.




Parto de la estraro de AEA dum la Jarkunveno
Indrani Sandor Esther Jonathan



Finnur Larusson

*Katja Steele*



# Pri Katalin Kovats:



Eble vi memoras, ke Katalin Smideliusz instruis dum somerlernejo en Adelajdo, kaj revenis por multe helpi okaze de nia UK. Tiam ŝi loĝis en Hungario; nun en Francio kun dua edzo kaj filo, kaj daŭre laboregas por Esperanto. Vidu https://edukado.net/ekparolu

Ŝi fariĝis vitroartisto: ankaŭ vidu www.juvelina.nl





*Margaret Furness*



# matena stelo



**Pri AE 408** Mi havas informadon por Vera.
Vera vidis la Matenan Stelon. Ĝi ne estis stelo sed planedo; la planedo de Venuso kiu estas iam la Vespera Stelo kaj iam la Matena Stelo. Venuso estas la dua planedo el la Sun kaj la Tero estas la tria planedo el la Suno.

Kiam la ĉielo estas sen nuboj kaj la aero estas klara oni povas rigardi venuson eĉ se la Suno brilas. Kompreneble se la Suno estas tro apud Venuso tiam la lumo maskos la malfortan reflekton el Venuso.



Mi rememoras ke kiam mi havis dektri jarojn mi rigardis la ĉielon dum la dum la matena paŭzo en la lernejo, mi fieris ke mi vidis Venuson. Kiam mi emeritiĝis antaŭ ĉirkaŭ 20 jaroj mi serĉis la klaran ĉielon ĉi tie en Somers kaj ja trovis Venuson.

Kiam mi kaj Betty serĉis la leterojn ke kuso retenis ni trovis kopion de letero kiun mia prapraavo Luke skribis al sia frato en Anglujo. Tie li diris ke li rigardis la ĉielon kiam li loĝis en la montoj de Adelajdo kaj ankaŭ li vidis Venuson.



Ni ja havas mirinde klaran ĉielon en Aŭstralio. *Henry Broadbent.*



# Aŭstralia Esperanta Kongreso,

**Merkredo 9a de Januaro, 2019, Adelajdo, Sudaŭstralio.** *Kam Lee*



Malantaŭa Vico:

Amato **Kim**, Mary **Mills**, Barbara **Williams**, Vere **Williams**, Hazel **Green**, Peter **Johns**, Joanne **Johns**, Bradley **McDonald**, Kam **Lee**,

Dua Vico:

Katja **Steele**, Ashika **Ehlers**, Paul **Green**, Paul **Desailly**, Franciska **Toubale**, Szabolcs **Szilva**, Trevor **Steele**, Helen **Palmer**, Sarah **Palmer**, Steve **Pitney**, Rikardo **Newsom**, Leigh **Dick-Read**

Antaŭa Vico:

Ivan **Serve**, Cathy **Taggert**, Eddie **Desailly**, Eileen **Jones**, Indrani **Beharry-Lall**, Sandor **Horvath**, Heather **Heldzingen**, Jonathan **Cooper**, Esther **Parris**, Anthony **Bennet**, Dan **Ehlers**, Leif **Ehlers**

Homoj povas ricevi e-kopion per la sekvanta dropbox ligo:

https://www.dropbox.com/sh/shoheqn7twk9byu/AABabaWdD6GBfbsMi1DJNWkNa?dl=0



# I n t e l i g e n t o e n m i a ĝ a r d e n o .

## LA ARBOJ VIDAS , KAJ DO RIGARDAS .



Kiam mi ripoze sidas en la ĝardeno, kaj observas la arbojn, mi rimarkas ke kelkaj kapablas vidi aliajn arbojn proksimajn. Ekzemple la branĉoj de la alta cedro en la suda direkto estas duoble pli longaj ol tiuj kreskantaj norden. Tiuj alnordaj vidas ke je distanco de unu aŭ du metroj troviĝas branĉoj de alia arbo, tilio. Al la tilio ne gravas tiuj proksimaj cedraj branĉoj unu metron for: ili kreskas rekten en la direkto de la ankoraŭ foraj cedrobranĉoj. Sed ĉi lastaj agas alie. Ne estas manko de suno al ili, do ili povas reagi nur pro vido. Kaj pro tio ili ĉesas kreski pli longe, sen ankoraŭ tuŝi la tiliajn foliojn. Kiajn okulojn la cedro havas, mi ne scias, sed ne povas esti la lumo aŭ la temperaturo.

Alia arbo, malgranda metasequoya, staras je la norda (= suna) flanko de alia granda cedro kaj sub ties pli alta branĉo, kaj do ricevas la plenan sunun. Sed ankaŭ ĉi tiu metasequoya vidas kio okazos post kelkaj jaroj se ĝi kreskas pli alten, kaj do ne kreskas pli alten.

Aliflanke kelkaj subtere rampantaj herboj en sekaj lokoj kreskas en la direkto de akva parto de la ĝardeno, flarante akvon unu metron aŭ pli for de siaj sekaj partoj.

Aliaj plantoj sentas la direkton de la sunradioj kaj forturnas siajn foliojn for de ĝi, dum en malpli varmaj regionoj ili turnas siajn foliojn rektangule al la sunradioj. Ili kapablas vidi la direkton de la sunradioj.

Aliaj plantoj reagas al forta premo al la trunko ate de la vento, kaj plifortigas tiujn siajn partojn, dum aliaj simple kreskas en la direkto de la vento.

Antaŭ pluraj jaroj mi havis du mezgrandajn arbojn kreskantaj unu aŭ du metrojn unu de la alia, sen tamen intertuŝi. Ili tute ne forprenis la sunlumon unu de la alia, do tio ne povis diri al ili la proksimecon. Unu estis Robinia, la alia pomarbo. Mi forhakis la robinion, kaj post tio la pomarbo klinis sian supran triono al la loko kie estis la supro de la robinio, kvazaŭ por malĝoji aŭ funebri. Tio restis, ĝis kelkajn jarojn poste mi forhakis ankaŭ la pomarbon. Ĝi devis esti vidinta la alian arbon, ĉar la kliniĝado ne povis kaŭzati de io alia. *Marcel Leereveld.*

.

## PLURDIREKTAJ ADVERBOJ .

Ekzistas kelkaj adverboj, nomataj “Adjektivecaj Adverboj”, kiuj difinas, adverbe, ne nur verbon sed samtempe, adjektive, ankaŭ aŭ sole alian parton de la propozicio (= *sentence*). Ĝi tiam troviĝas tuj antaŭ tiu alia parto. Ĉar ĝi povas moviĝi el antaŭ unu parto al antaŭ aliaj partoj de la propozicio, tia ŝanĝiĝo de lokoj ŝanĝas ankaŭ la signifojn de la tuta propozicio. Jen ekzemplo:

1e. Nur li (=neniu alia) drinkas en la drinkejo.

2e. Li nur drinkas en la drinkejo (Li ne manĝas tie).

3e. Li drinkas nur bieron en la drinkejo (neniun alian drinkaĵon).

4e. Li drinkas bieron nur en la drinkejo (ne hejme).

5e. Eĉ: Li drinkas bieron nur en la drinkejo nur sabate.

Se tia adverbo ĉeestas en frazo kun pluraj verboj, ĝi rekte difinas nur la verbon (kun sia sekvantaĵo) antaŭ kiu ĝi troviĝas, ne antaŭan verbon (se tia ekzistas): "Mi rifuzas ne mangi hodiaŭ" kontraŭ "Mi ne rifuzas manĝi hodiaŭ, kaj "Mi permesas al li ne manĝi ĉion" kontraŭ "Mi ne permesas al li manĝi ĉion". Ĉiam ekzistas iu sencdiferenco depende de la loko antaŭ la unua aŭ antaŭ la dua verbo, ofte tre forta diferenco, kiel en "Vi devos ne retroveni" kontraŭ "Vi ne devos retroveni (sed rajtas)". Sed kelkfoje la diferenco estas tiom malforta, ke ne gravas kiun lokon oni elektas (kiel en "Li intencas ne retroveni morgaŭ" kaj "Li ne intencas retroveni morgaŭ"). Por esti certa, oni povas anstataŭigi la verbon per substantivo: "Vi devos ne retroveni = Vi havos la devon ne retroveni" kaj "Vi ne devos retroveni = Vi ne havas la devon retroveni" = Vi estas libera retroveni aŭ ne. Se Zamenhof faris kelkajn erarojn pri tio (kiu ne faras erarojn?), almenaŭ ne imitu ilin.

La regulo pri la pozicio de tiaj adverboj estas klara kaj senescepte aplikebla. Ĝi validas por ĉiuj negativaj adverboj (neniam, ktp) kaj por ĉiuj adjektivecaj adverboj (nur, ktp). Ĝi eĉ validas ofte por aliaj adverboj: "Mi horon pli malfrue decidis rapide hejmiri" kontraŭ "Mi rapide decidis hejmiri horon pli frue". La adverbo povas troviĝi ankaŭ post la lasta verbo se ĝi rilatas al tiu, kaj eĉ post antaŭa verbo se ĝin sekvas verbo kun prepozicio: "Ŝi venis rapide por povi manĝi trankvile". *Marcel Leereveld.*

## PRI KELKAJ ALIAJ ARBOJ .

Neniam antaŭe vidis mi tiom multe da floroj sur mia Ĵakarando-arbo (Jacaranda acutifolia): centoj kaj centoj da bluaj floroj. Ili ĉiuj faladas freŝaj el de la arbo. Ankaŭ mia koralarbo el Brazilo (Erythrina Crista-galli), fratino de la sudafrika Kafirarbo , havas ĉi tiun jaron multe pli da (ruĝaj) floroj belegaj. Sed aŭstraliaj arboj suferas pro la manko de akvo en la melburna grundo. *Marcel*.

## DU LINGVAJ PROBLEMOJ EŬROPANAJ .

Temas unue pri la Pasinta Tempo . En kelkaj latinidaj lingvoj kaj en ĉiuj ĝermanaj lingvoj la simpla Pasinta Tempo, la Preterito (li manĝis, ate, *ass, mangea*) dum la ĵusaj jarcentoj, kaj plu, anstataŭigatis kaj –as de la formo de la Perfekta Tempo (li estas manĝinta*, hat gegessen, has eaten, il a mangé)*, dum la signifo de tiu anstataŭa uzo ante al la Perfekto estas Preterita. Do la Perfekto nun havas unu el du malsamaj signifoj, Perfekta aŭ Preterita. Tiu disvolviĝo estas en la franca jam kompleta, ĉar ĝi nun neniam uzas sian antaŭan Preteritan Tempon en la parolado. La ĝermanaj lingvoj estas duonvoje en tiu disvolviĝo, escepte de la angla kiu estas nur kvaronvoje. Do en la sama signifo la germano povas diri "Ich empfing gestern seinen Brief" kaj *"Ich habe gestern seinen Brief empfangen"*, kiu lasta frazo povas plu signifi ankaŭ la Perfektan Tempon. La sama historia ŝanĝiĝado okazas en la Pasiva Voĉo: *"La lettre fut reçue hier"* fariĝis *"La lettre a été reçue hier".*

La dua fenomeno koncernas la Participojn. Dum jam el sia komenco la Participo en "-anta kaj –end kaj –ing kaj –ant" estis kaj restis Aktiva Participo sentempa (aŭ, se oni volas, Prezenca), la dua Participo en la eŭropaj lingvoj, Pasiva Pasinta Participo, oftuzata, en la komenco, kiel Predikativo: "*I have the letter sent*" (= Objekta) kaj poste ankaŭ Pasintotempa kaj Pasiva, kiel Subjekta Predikativo: *"The letter will be sent by me",* unue Pasinttempa kaj

poste kun sentempa signifo. La rezulto de tiu disvolviĝo dum la jarcentoj estas, ke nun ekzistas en la eŭropaj lingvoj t.n. Pasinta Participo (*sent, envoyé, gesandt*), kiu pro malsamaj predikataj helpoverboj (havi + esti) havas du malsamajn funkciojn (Pasinta aŭ Pasiva) kaj do devas havi du malsamajn nomojn: Pasinta Participo *"sent; envoyé, gesandt"*) kaj Pasiva Participo "*sent; envoyé; gesandt*". Hazarde ambaŭ specoj de Participo havas la saman formon, sed tio ne estas nekutima en la eŭropaj lingvoj, ekz. Substantivo "*work*" kaj Verbo "*work*" en la angla, kaj Adjektivo ":*tout*" kaj Adverbo "tout" kaj Substantivo "*tout*" en la franca. En ĉiuj kazoj, ankaŭ ĉe la Participoj, la malsamaj funkcioj postulas malsamajn terminojn: do "Pasiva Participo" kaj "Pasinta Participo".

La unua fenomeno (Perfekto por Preterito) estas ĝenerale akceptata de la eŭroplingvaj lingvistoj, sed la duan fenomenon ili ne scias aŭ ili ne volas scii (ĉar ili timas devi konfesi, ke dum sia tuta vivo ili sciis la aferon malĝuste, erare). Ili do serĉas diversajn falsajn tialojn kial ne havi du nomojn por la du funkcioj; "falsaj", ĉar ne bazitaj sur la samaj kriterioj.

*Marcel Leereveld.*

## ESPERANTO – KULTURO .

Ĵussemajne mi menciis ke escepte de Esperantaj kantoj kaj kantistoj, mi trovas ke serioza Esperanto-kulturo mankas. Kaj ĉu tio estas malbona?

Imagu se la eskimo-Esperantisto devus lerni, krom la lingvon ankaŭ la kulturon de Esperanto, por esti bona Esperantisto! Kvankam li aŭ ŝi bezonas scii nur la kulturon sian kaj la kulturon de alia popolo kun kiu li aŭ ŝi volas interrilati! Jam ekzistas centoj kaj centoj da kulturoj en la mondo; ne utilas krei unu plian nur por la plezuro de kelkaj Esperantistoj. La plejparto pli interesiĝas pri la jam ekzistantaj kulturoj, kiuj apartenas al certaj popoloj en certaj lokoj. Esperantistoj ne havas certan lokon en la mondo.

Esperanto ne kreatis por aldoni kroman kulturon, sed por ke ni povu ekkoni la jam ekzistantajn kulturojn etnajn. Do for la Esperanto-kulturo *Marcel. !*

## REAGOJ AL REAGOJ (en 408).

Al Paŭlo: "Parolu pri la nuna tago kaj laŭdu tion kio okazis en ĝi". Kial ni ne mallaŭdu tion kio okazis en ĝi.? Aŭ ĉu malbono ne okazas, aŭ ne bezonas mallaŭdon?

Al Margaret: Dankon pro ciaj medicinaj klarigoj! Nun la homoj kiuj ricevis el de Dio la sangokanceron povos diri post sia kuraco: "Nun ke mi kuracatis, mi kredas en Dion". Kaj ankaŭ mi povos tion eventuale diri, ĉar la kuraco nun pli facilas kaj malmulte kostas.

Kaj al Vera: Ĉu eble ci vidis, tra la domoj kaj arboj, la stratlampon de la proksima strato, ĉar steloj kaj planedoj , en nia vidmaniero, daŭre ŝanĝas sian pozicion? *Marcel Leereveld*





**3ZZZ** En la elsendo de la 14a de januaro,2019 eblas aŭdi pri politico en Japanujo: Kiu vere mastrumas la landon ? aŭ pri ekologiaj rimedoj por la bonfarto de nia planedo.



. *Franciska Toubale*













Post la unua konveno en 2019 BES membroj ĝuis tason da kafo. Vidu membrojn Sandra & Sofia kaj Linda & Petro *Peter Danzer*